


# INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI
## POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

MARTO 2001

N-ro 1 (96)

**Pri la lingv'aĵo kaj ortografio[1] de**

# juna amiko

Sen pied'notoj ni uzas nur la plej oftajn 1500 vort'radikojn. Tiuj ĉi vortoj aperis en: ***Esperanto, Minimum szótár*** (1995), kiu jam plene elĉerp'iĝis. Nun ili estas alir'eblaj ĉe Interreto, en la hejm'paĝo de Juna Amiko: *http://www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto*

**Krom-signoj**, kiuj helpas komenc'antojn:

**Divido-streko(-)** trov'iĝas inter la elementoj de vort'kun-metoj, kiam ne mankas fin'aĵo, ekzemple: tablo-tuko, el-iri ...

**Vertikala strek'eto (')** signas mankon de finaĵo: bild'karto, verd'iĝi ...

Kiam io helpas la rekonon, kiel ekzemple: tuttaga (tt) aŭ la vorto revenas en la sama artikolo aŭ kiam la vorto estas tre kon'ata jam por komencanto (esperantisto, patrino... ) ni ne uzas kromsignon.

Vi ofte trovas komojn (,). Ankaŭ per tio ni deziras helpi komencantojn.

1. regul'aro de la ĝusta skribo.

☺

***Sur la titol'paĝo:***
***Gefratoj***
***el Tagolando***
***Foto de Mensah B. Attiogbe-Agbemadon***

# *Kio nin ligas?*

*Estas simple respondi: ligas nin la scio de komuna neŭtrala[1] lingvo, Esperanto.*

*Kial ne sufiĉas por ni la gepatra lingvo? Ĉar por neniu moderna homo sufiĉas unu sola lingvo en la 21-a jar'cento, malgraŭ ke la gepatra lingvo plu restas super ĉiuj aliaj, ĝi estas la plej grava, ne-malhav'ebla, kiam ni estas hejm'lande.*

*Sed kun la tempo la mondo far'iĝas pli kaj pli malgranda, la distancoj perdas sian antaŭan dis-igan, izolan rolon. Jam hodiaŭ forte sent'iĝas la bezono de universala[2] lingvo. Laŭ veraj demokratoj, por kiuj just'eco kaj egal'eco estas antaŭ ĉio, tiun rolon povas sur-preni nur neŭtrala lingvo, kiu privilegie[3] preferas neniun hom'grupon.*

*En la komenco de la nova jaro kiu, cetere, estas EŬROPA JARO DE LA LINGVOJ, ni laboru, se estas eble, kun pli da energio kaj sin-dediĉo por la ĉi-supraj ideoj, nome: ĉiu, sen-escepte, havu plenan rajton uzi sian gepatran lingvon en baz- kaj mezgradaj lernejoj, ĉe al-propr-igo de la nacia / etna kulturo, ali'flanke estu egala ebl'eco por ĉiu persono el-paŝi kun neŭtrale homa lingvo al ĉiuj ceteraj ali'lingv'uloj.*

*Venu, kaj ni laboru kune por nobla ideo!*

*Geza Kurucz*
*redaktoro*

1. prefer'anta neniun aparte / 2.komuna por ĉiuj / 3. sen apartaj meritoj don'ante avantaĝon al iu(j).

# ALVOKO SOLIDARECO

Ni, esperantistoj, kies lingvo estiĝis por dis-vast'igi la ideojn de egal'eco kaj frat'eco inter popoloj proksimaj kaj malproksimaj, ni konscias kaj laŭte dis-krias: ***ni ĉiuj estas HOMOJ sam'valoraj***.

Por vera esperantisto estas dolor'ige vidi, aŭdi aŭ legi ĉiu-tage, ke la hom'fratoj suferas pro manko de nutr'aĵo, vestoj, kurac'iloj kaj aliaj ne-mal-hav'eblaj bezon'aĵoj.

*Ni devas esti solidaraj kaj helpi laŭ niaj ebl-ecoj al la sufer-antoj.*



Por tio nia revuo malfermas en sia hejm'paĝ'aro *(http://www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto)* novan paĝon:

***SOLIDARECA PAĜO***

Kiel ĝi funkcios?

Se vi havas viv'kondiĉojn multe pli malbonajn ol viaj sam'klasanoj, turnu vin al via Esperanto-instruisto kaj petu lian/ŝian helpon.

Se vi instruas Esperanton kaj vidas, ke tiu aŭ alia knab(in)o suferas pro malbon'egaj viv'kondiĉoj, skribu la *nomon, aĝon, adreson* kaj sendu ĝin ret'poŝte al la redaktoro de nia revuo (suli267 @szeged.sulinet.hu), kiu aper'igos la nomon en la "Solidareca Paĝo".

Se vi estas leg'anto de nia revuo, kaj se vi povas kaj volas helpi iu(j)n juna(j)n esperantisto(j)n, vizitu nian "Solidarecan paĝon" kaj elektu tie iu(j)n kaj sendu ties nomon kaj adreson kune kun la via al la redaktoro (vidu liajn adresojn sur paĝo 27), kiu tre volonte est'igos kontakton inter vi.

*

*Ne forgesu:* amik'iĝo povas estiĝi nur per inter-kontakto reciproka. Mi pensas, ke ĉiuj, kiuj laŭ tiu ĉi vojo inter-kon'at'iĝos, volos por longa tempo (ĉu por ĉiam?) inter-amikiĝi.

Se vi opinias, ke via lernantaro povus helpi ali'landan lernantaron, serĉu vian direktoron kaj prezentu al ŝi /li vian planon. Sen informo al la direktoro, nenion konkretan iniciatu.

Por ni estus granda plezuro, se la Solidareca Paĝo estigus inter-homajn kontaktojn, des pli, ke oni vidas ĉirkaŭe la mal-fortikiĝon de tiaj kontaktoj, sen kiuj apenaŭ estas eble harmonie kun-vivi.

Mi sci'volas, ĉu nia iniciato trovos eĥon en la koroj.

Se vi bezonas pliajn informojn, skribu al ni!

Kun espero baldaŭ raporti pri la unuaj kontaktoj bon'deziras:

Geza Kurucz, redaktoro
Hitel u.10.fszt.16,
H-6000 Kecskemét, Hungario

NIA KULTURA HEREDAĴO[1]

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo per la plumo de nia fidela kun-labor-anto, el-stara islanda poeto,* ***Baldur Ragnarsson****. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel'konscia esperantisto, sukcesa pled'anto por nia nobla ideo. (Red.)*

# BILDOJ EL LA HISTORIO

## 13 *Eŭgeno Miĥalski*

Komparu la sekv'antajn versojn

*Ĉu ekzistas eĉ «mi mem»?*
*Eble «mi» estas*
*nur fantazio[2]!?*

kun la jenaj:

*Mia brusto potenca*
*similas al ŝtal'[3].*
*Ĝi ne timas, alvokas*
*al fajra batal'...*

Kion ni pensu pri poeto[4], kiu donas tiom diferencajn bildojn pri si mem? Ĉi tiuj versoj, pren'itaj el du apartaj poemoj, estas verk'itaj de la sama poeto, la ruso *Eŭgeno Miĥalski,* kaj en la sama periodo[5], probable[6] en la sama jaro, 1919. Ili prezentas du aspektojn de la poeto, du mal-samajn mem-bildojn. Kio kaŭzas tiun drastan[7] diferencon? Ni rigardu unue la malmulton, kion oni scias pri la viv-historio de *Miĥalski*

Eŭgeno Miĥalski nask'iĝis en 1897. Profesie li estis instruisto kaj bibliotekisto. Li lernis Esperanton kiel jun'ulo kaj baldaŭ aktivis kiel mov'ad-ano kaj poeto. En 1917 li fondis literaturan revuon, *Libera Torento*[8], en urbo Saratov, kie aperis liaj unuaj poemoj. Miĥalski fariĝis aktiva apog'anto de la sovetia reĝimo kaj same partoprenis la internacian labor'istan movadon kiel kun-labor'anto de laboristaj gazetoj. Pri la morto de Miĥalski ne troviĝas detaloj, nur mencio ke li "tragedie[9] mortis" en 1937, sed sciu, ke precize en tiu jaro la soveta Esperanto-movado malaperis kaj ankaŭ multaj ĝiaj anoj.

La cit'itaj versoj ĉi-supre estas pren'itaj el la du ĉefaj poem'libroj de Miĥalski: la unuaj el *Prologo*[10] (1929), la duaj el *Fajro kuracas* (1932). La unuaj estas la finaj linioj de iom longa

poemo, titol'ita *Ajno*; la duaj el poemo nom'ita *Forĝ'isto*. Laŭ indikoj[11] post la poemoj, ili estis verk'ataj en Saratov en la sama jaro, 1919. Malgraŭ tiu samtemp'eco, tiuj poemoj, kaj la du poem'aroj mem, draste mal-similas je temoj kaj vid'punktoj. Personaj deziroj, pasioj[12], amoj estas la ĉef'temoj de *Prologo* en ligo kun sentoj de mal-espero, kiam la poeto dubas eĉ pri sia propra ekzisto. En *Fajro kuracas* la poeto proponas siajn servojn al la socialismo, li oferas[13] sian propran personon al la klasbatalo cele al la fina venko de la socialismo. Kvankam la seriozo de la poeto estas senduba, tiuj soci'realismaj poemoj mal-havas la personan sinceron de la poemoj en Prologo, sinceron, kiu esploras sen indulgo[14] la poetan animon. Oni povas demandi: Ĉu poeta esprimo, tiom kontraŭ-dira en si mem, kiel la du poemlibroj atestas, estas plene fid'inda? Miĥalski mem donas la respondon en la poemo *Mi estas...* kie li eldiras *Mi estas pokalo*[15] *de bel-poezio; Mi estas martelo de ver'...* kaj aldonas *Mi kreas por krei*. Li rigardis sin mem unua-vice kiel kre'anton, kiu celas la veron – per rimedoj, kiuj nenion indulgas, eble je la kostoj de la poezio mem. Pli fort'efikaj poemoj apenaŭ troviĝas en Esperantujo.

Forme la poezio de Miĥalski estas ankaŭ io aparta. Ĝi estas interese libera, kvankam la poeto uzas ankaŭ kutimajn formojn kiel rimojn kaj vers'piedajn ritmojn. Miĥalski estas la unua Esperanto-poeto, kiu grand'parte uzas liberajn versojn kontraste al la tradiciaj, klasikaj verso-formoj. Sed pli atent'inda estas lia uzo de la lingvo mem, de signife densaj kun-met'itaj vortoj, foje ne-ordinaraj gramatikaj formoj. En-tute oni povas aserti, ke la poezio de Eŭgeno Miĥalski meritas daŭran seriozan studon, kaj je tio mi ne esceptas *Fajro kuracas*, kvankam iuj emas rigardi ĝin kiel krudan esprimiĝon sub signo de dogmatismo[16].

PIED'NOTOJ de **"Bildoj el la historio de la Esperanta literaturo"** (paĝoj 4-5)

**1. hav'ajo ricev'ita post antaŭulo(j) / 2. imag'ajo / 3. hard'ita fero / 4. poem'verk'isto / 5. tempo-daŭro / 6. ver'ŝajne / 7. okul'frape fortan / 8. rapid'flua monta rivero / 9. tragedio: mal-gaja teatrajo kun morto de la ĉef'heroo /10. en-konduka parto de verko / 11. notoj, precizaj sciigoj / 12. ardaj deziroj kiuj superas aliajn ideojn / 13. plene sin donas / 14. mal-sever'eco, pardon'emo / 15. bela trinko-vazo / 16. kredo pri ebl'eco scii eĉ absoluton.**

*Valentin MELNIKOV, Rusio*

# MEDITOJ DUM JAR'MIL'ŜANĜO

Ronda dato. Kaj zumas babilo:
kia estos la tria jarmilo?
Do, abunde aperas nun pluraj
horoskopoj[1], tabeloj aŭguraj[2],
profet'aĵoj[3], nebulaj supozoj
kaj science baz'itaj prognozoj[4]:
"Ĉiujn nin, sen escept', amas Dio!
Ĉiu ion ricevos pro tio!
Nia lando bon'statos, prosperos[5],
bonaj homoj neniam mizeros,
ĉiu klare aliajn komprenos
(eble eĉ Fina Venko[6] al-venos!);
harmonios[7] teknik' kaj naturo,
per ĉef'verkoj riĉ'iĝos kulturo,
venos novaj rekordoj en sporto..."
... kaj – tut'certe al ĉiuj – la morto.

El *"La Ondo de Esperanto"* 12/2000, p.19

1. antaŭ-diroj pri la est'onta sorto laŭ la situacio de la steloj / 2. antaŭ-diraj / 3. profeto: sekvanto de Kristo; arda dis-vast'ig'anto de iu instruo / 4. antaŭ-diro pri la est'ont'eco / 5. flore evoluos / 6. por esperantistoj Fina Venko: ĝenerala akcepto de Esperanto / 7. mal-kontraŭ-staros.

*Se ĉiu balaos antaŭ sia pordo, tiam en la tuta urbo estos ordo.*
*Ne prokrastu ĝis morgaŭ, kion vi povas fari hodiaŭ.*
*Pri lando malproksima estas bone mensogi.*

*PROVERBOJ*

# Kial la rivero en-fluas la maron?

*(Legendo[1] el Burundio)*

Iam la river'eto, kiu estis la infano de la rivero, perd'iĝis kaj la rivero far'iĝis tre mal-ĝoja. Plor'ante la rivero serĉis ĉie sian infanon. Post kelkaj tagoj ĝi renkontis mal-jun'ul'inon en arbaro kaj demandis al ŝi:

«Bona maljunulino, mia infano "la rivereto" perdiĝis en la lasta semajno, ĉu vi ne vidis ĝin sur tiu ĉi vojo?»

La maljunulino respondis:

«Lasu min labori! For-iru de ĉi tie. Mi estas tre mal-gaja, ĉar hieraŭ mia infano dronis.»

La rivero daŭr'igis sian vojon por serĉi sian infanon. Baldaŭ ĝi renkontis arb'egon; al kiu ĝi demandis:

«Bela arbego, mia infano "la rivereto" perdiĝis en la lasta semajno, ĉu vi ne vidis ĝin sur tiu ĉi vojo?» La arbego respondis:

«Mi vidis ĝin hieraŭ, ĝi ludis kun miaj infanoj "la arbetoj" kaj antaŭ ol foriri ĝi el-radik'igis ilin. Lasu min kaj foriru!»

La rivero daŭrigis sian vojon kaj post kelka tempo ĝi renkontis fiŝojn, kiuj baraktis[2] sur koto[3]. Ĝi demandis al ili:

«Ĉu vi ne vidis mian infanon "la rivereto" sur tiu ĉi vojo?»

La fiŝoj respondis:



«Sed jes, ni vidis ĝin. Ĝi vokis nin kaj, poste, ĝi lasis nin ĉi tie, sur tiu ĉi sen-akva koto.»

«Nu, akompanu min, ni iru serĉi ĝin kune» diris la rivero al la fiŝoj. Tiam, ili ekiris kune kaj, fin'fine, ili al-venis al la bordo de la maro.

Tie la rivero demandis al la maro plorante:

«Ĉu vi ne vidis mian infanon "la rivereto" sur tiu vojo?»

La maro respondis:

«Mi vidis ĝin. Ĝi estas jam hejme. Ĝi ludas kun aliaj riveretoj. Kaj, se vi volas, ankaŭ vi povas en-iri.»

La rivero eniris kaj neniam plu eliris. De tiam la rivero enfluas la maron…

Tradukis: *Michel NKWIRIKIYE*, Tanzanio

1. fabel'eca rakonto / 2. sen-cele sin movis pro doloro kaj sen-pov'eco / 3. mola tero.



## Nenio ŝanĝ'iĝis. Ĉu provi ion ŝanĝi?

**Afriko, Azio, lul'iloj de la homa kulturo, hodiaŭ suferas pro multaj vundoj**

*"Estas paŭzo*[1]*. Koffi, ĉu vi ne volas el-iri por manĝi?"* Tiel samklas'anoj ofte demandis min, kiam mi estis lernej'ano. Mi respondis jene: *"Mi manĝis antaŭ ol veni al la lernejo. Mi atendas ĝis la tag'mezo kaj tiam mi manĝos".* Fakte mi manĝis nenion, sed tiel parolis por ke la samklasanoj ne moku min.

Nun mi konfesas, ke mi tute ne volis eliri, ĉar mi ne havis monon por manĝi. Ofte mi mal-satis la tutan tagon. Mi tiom konas tiun sorton, ke nun, kiel instruisto, mi facile re-konas la lernantojn, kiuj tiele suferas.

Dum paŭzoj mi ofte observas[2] la lernantojn, en-iras ankaŭ klas'ĉambrojn por trovi infanojn similajn al mi. Mi ĉiu-foje trovas la samajn lernantojn. Ili manĝas nenion ĉar, simple, ili ne havas monon. Post la lerno-horoj, kelkaj el ili devas iri al la bazaroj[3] kaj porti pak'aĵojn aŭ tiri ĉar'etojn[4] por akiri monon. Aliaj iras tien por kolekti manĝ'eblajn aŭ vend'eblajn aĵojn, kiuj falis sur la teron.

Se forgesi la vest'aĵojn, nun du gravajn problemojn havas la infanoj en la lernejoj: ***nutr'ado*** kaj ***sano***.

La pli-multo de la lernantoj mal-facile trovas ion por manĝi. Multon vi povas kompreni el la subaj ekzemploj.

Lernanto loĝas ĉe avino. Ĉe ŝi estas ankaŭ aliaj ge-nepoj. La avino ne plu havas forton por multe labori, sed ŝi devas pri-zorgi la infanojn. Sekve, la buboj[5] iras al la lernejo preskaŭ senmonaj. Kelka-foje ili ricevas porci'etojn[6] de samklasanoj, aŭ mi donas mon'erojn kaj tiu-okaze kun ĝoj'ego ili tuj kuras al la manĝo-vend'istino.

Ĉar preskaŭ ĉiuj havas mal-multe da mono, la manĝaĵoj vendataj en la lernejoj estas vere ne nutraj. Sciu, ke la lernantoj ŝatus havi nur grandan kvanton. Por ili tute ne gravas la kvalito. Iam la vendistino demandis al lernanto, kiu petis rizon: *"Ĉu vi ne volas*



*Argila portreto el Niĝerio*

*aĉeti viandon?"* La lernanto respondis: *"Eĉ tiu ĉi kvanto ne satigos min kaj vi demandas min pri viando. Ĉu tiu ĉi malgranda peco satigos min?"* Estus necese vidi la lernantojn dum paŭzo, ĉiuj tuj komprenus, ke la infanoj manĝas nur por plen'igi la stomakon. Kaj kiuj ne havas monon, tiuj ne povas fari tion.

Kiam la lernatoj havas paŭzon, multaj ofte vomas[7]. La stomako ne ĉiam toleras la manĝaĵon. Ili mal-san'iĝas. Kion fari tiam? La lernejoj ne havas fleg'ejon. Kelkaj gepatroj uzas kurac'herbojn, dum aliaj lasas la infanojn al la sorto. La providenco[8] kelka-foje inter-venas por savi infanojn, re-san'ig'ante iujn aŭ akompan'ante aliajn al la morto-lando por tiel mild'igi ilian doloron / suferon.


Masko el Kameruno

Tian saman sorton mi tra-vivis, kiam mi estis lernejano, kaj jen ĝi plu ekzistas en niaj lernejoj. La infanoj suferas, ankaŭ la instruistoj. Dum al ili mankas la iomo por vivi simplan vivon, aliaj homoj en aliaj mondo-partoj, eĉ en Afriko mem, havas variajn manĝojn en siaj frid'ujoj kaj for-ĵetas la putr'antajn[9]. Kial atendi ĝis tiuj ĉi putras? Aliaj homoj en aliaj mondopartoj bezonas tiajn. Vestoj, manĝaĵoj, io ajn, kion iuj ne plu uzas ie, povas savi vivon ali'loke. Necesas organizi la sav'adon.


Sid'ilo el Zairio

La kolegio, kie mi instruas, kun-loĝas kun elementa lernejo, kiu tute ne havas kran'akvon[10]; mankas elektro kaj flegejo, kie oni povas savi infanojn mal-san'iĝ'intajn. La manĝaĵojn vendas virinoj. Neniu kontrolas la salubr'econ[11] de tiuj manĝaĵoj. La lernejoj bezonus, do, flegejojn kun medikamentoj, kantinon[12], akvon, elektron, ktp. Tiuj aferoj povos helpi al la tuta lernejo. Krom tio, ne preter-vid'ataj estas la kazoj de lernantoj, kiuj eĉ ne trovas, kion manĝi hejme kaj kie kuŝi.


Trink'vazo el Centra Afriko

La subaj lernejoj bezonas, do, helpojn de kompat'em'uloj:

| | |
|---|---|
| *CEG ANFAME* | *Ecole Primaire Publique DENUVIME* |
| *p/a IRED GOLFE* | *p/a IEPD Lome Aeroport* |
| *B.P. 80252* | *B.P. 1249* |
| *Lome - TOGO* | *Lome - TOGO* |

La lingvo de la kontakto povas esti la franca aŭ Esperanto, el kiu mi tradukos al la lernej'estroj, ĝis ili mem lernos la lingvon.

*Red.* Ne forgesu viziti nian hejm'paĝon:
(**www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto**).
Tie vi trovas apartan rubrikon: *"Solidar'eca Paĝo"*.


Interne malplena argila figuro el Meksikio

1. mallonga ripoz'tempo / 2. sekvas per atent'emo / 3. bazaro: granda kun-veno de vend'antoj kaj aĉet'antoj / 4. ĉaro: 2- aŭ 4-rada simpla veturilo / 5. sen-edukaj knaboj / 6. porcio: nutro-kvanto por unu fojo por unu persono / 7. el-stomak'igas tra la buŝo / 8. la naturo kiel supera povo / 9. putri: far'iĝi ne-manĝ'ebla pro daŭra kaj ne cel'taŭga konserv-ado / 10. krano: ferm'ilo de akvo-tubo / 11. salubra: favora por la sano / 12. ĉi tie: en-lerneja vend'ej'eto.

# IAM KAJ TIAM
# *fabeloj real'iĝas*

Nun 11-jara knabino, *Stefani Strunjak* el Kroatio, renkontis la finnan **Jul'avon**[1] en Zagreba supervend'ejo, kiam tiu vizitis la ĉefurbon de Kroatio kune kun iu finna orkestro[2]. La renkonto tiel forte impresis[3] *Stefani*, ke en la pas'inta printempo, kiam ŝia instruistino pri Esperanto, *s-ino Judita Rey-Hudeček* informis pri ebl'eco partopreni en internacia fabel'konkurso de Päätalo-Instituto, ŝi tuj ek-verkis pri sia renkonto kun Julavo kaj Neĝ'reĝ'ino.


Foto de Raita Pyhälä

En la kategorio[4] de 9-10-jar'uloj, per sia fabelo ŝi akiris 2-an premion. Sed, por ricevi ĝin, ŝi devus veturi al la mal-proksima Finnlando. Kiel tio povus sukcesi? Tamen, iam kaj tiam, ankaŭ en la vera vivo povas okazi, kiel en fabelo. Kiel kon'ate, Julavo havas multajn help'antojn kaj, ĉi-foje, li elektis la flug'kompanion[5] *Finnair*. Dank' al ĝi, Stefani kaj ŝia instruistino flugis sen-page, kaj la 17-an de oktobro ili sur-ter'iĝis en la flug'haveno de *Kuusamo*. Kaj prezentu al vi, en la flughaveno atendis ilin **Julavo** kaj **Neĝreĝino**, la ĉef'herooj de la premiita fabelo de *Stefani*. Pri la al-veno raportis la loka gazeto sur la unua paĝo kun granda foto kaj eĉ la televido jam en la sama vespero.

En la sekv'anta tago, en la ĉef'placo de la urbo *Taivalkoski* ĉe bivakfajro[6], en la ĉeesto de multaj infanoj okazis festa ceremonio[7]: la dis-don'ado de la premioj.

Poste sekvis multaj gajaj programeroj, inter-alie vizito al la *Arbaro de Zamenhof*, al lernejo kun Esperanto-instru'ado kaj, plej grave, vizito en la lando de Julavo: *Rovaniemi*, urbo ĉe la norda polusa cirklo[8].

Jam antaŭ la for-flugo norden, Stefani kaj ŝia kun-vojaĝ'onto aperis hejm'lande en unu teleprogramo kaj post la re-veno eĉ en tri.

Plie, kroata radio-el-sendo prezentis ilin; *Stefani* donis kelkajn intervjuojn[9] al diversaj gazetoj.

Pli arangîs Finnan vesperon en la lernejo por la ge-lernantoj, instruistoj, reprezent'ant'ino de la finna ambasado[10] kaj la prezid'anto de la *Kroat–Finna Amika Societo*. La ambasada reprezentantino ne nur salutis la okaz'aĵon, sed ankaŭ laŭtlegis finne parton de la fabelo, por ke la publiko aŭdu la finnan lingvon.

La 6-an de decembro *Judita Rey* estis invit'ita partopreni solenan akcepton en la finna ambasad'ejo okaze de la sen-de-pend'eca festo-tago de Finnlando. *Stefani* partoprenis jar'kun-venon de la *Amika Societo* kaj membr'iĝis en ĝi kiel la plej juna membro.

**Ĉio, kio ĝis nun okazis, estas fabele mir'inda, ĉu ne?**

*Sylvia Hämäläinen*, Finnlando

**1. fabel'eca bona viro, kiu en decembro dis-donas donacojn al infanoj en multaj landoj / 2. muzik'ist'aro / 3. faris grandan efikon / 4. konkurso-grupo / 5. komercan entreprenon / 6. por-tempa fajro en kampo, placo / 7. ekstera formo de solen'aĵo / 8. geografia lim'ringo de mal-varm'ega ter'zono / 9. gazeta verko en formo de inter-parolo / 10. reprezent'ant'aro de ekstera lando.**

## Tut'monda fabel'konkurso por infanoj en 2001!

La Instituto de Päätalo kaj la Vilaĝ'asocio de Metsäkylä arangîs en la jaro 2000 la 1-an tutmondan esperant'lingvan fabelkonkurson por ĉiuj infanoj, kiuj parolas aŭ nur studas Esperanton. La konkurso bone sukcesis. Ĉi-jare sub aŭspicio de UEA okazos la

# FABELKONKURSO 2001

**Kategorioj**:
**A** – ĝis 9-jaraj; **B** – 9-11-jaraj; **C**: 12-14-jaraj infanoj.

La konkurs'fabelo povas esti kiel eble mallonga; maksimuma amplekso: 3 tajp'itaj paĝoj.

La rezulto de la fabelkonkurso estos publik'ig'ita kaj anonc'ita en la fabel'tago, sam'tempe kun la rezultoj de la finnlingva fabelkonkurso, dum la infan'semajno, kiun oni aranĝas en Taivalkoski en oktobro 2001.

La fabelojn sendu ĝis la **31-a de julio 2001** al la jena adreso:
**La instituto de Päätalo, PL 39, FI-93401 Taivalkoski, Finnlando**

Sur la koverto bon'volu skribi la vorton "**Fabelkonkurso**". Uzu kaŝnomon kaj aldonu koverton kun via vera nomo, adreso, naskiĝ'dato kaj telefon'numero.

Pliajn informojn donas:
Aini Vääräniemi, Vääräjärventie 26 A, FI-93590 Vanhala, Finnlando
Ret'adreso: <**instituutti@taivalkoski.fi**>

*Dušan RADOVIĆ*

# Kiel oni inventis[1] PLUV'OMBRELON?

Ĉio okazis post la unuaj pluvoj, antaŭ multaj multaj jaroj. La vest'aĵoj de la caro[2] mal-sekiĝis. Jes, kaj li tion ne ŝatis.

– Inventu pluvombrelon! Mi volas pluvombrelon! – kriis kolera la caro.

– Ni inventos, via cara moŝto[3], nur vi diru, kiel ĝi aspektu –, respondis la kort'egaj scienc'uloj.

– Simple –, klar'igis la caro, – mal-supre ten'ilo, supre dratoj kaj tolo.

– Ĉu via cara moŝto volas, ke ni inventu ferm'itan aŭ, eble, malfermitan pluvombrelon?

– Fermitan, kiun oni poste malfermas.

Jen tiel, dank' al pluvoj kaj la caro, estis inventita la pluvombrelo. Fermita, kiun oni poste malfermas.

Tradukis: *NaiVulo*

1. el-pensis kaj faris / 2. slava imperi'estro/ 3. titolo de respekt'atatj alt'rang'uloj.

## BEL'ETA DOMO POR MUS'IDO[1]

Muso-patrino kun sia ido loĝis en ŝrank'aĉo. Ili manĝis dolĉ'aĵojn, fruktojn, legomojn kaj eĉ la ŝuojn de la familianoj.

Iun tagon, la musido kuris al sia patrino kaj diris:

"Panjo, apud nia ŝranko oni faris belan etan domon el drato. Ĝi havas etan pordon – tre etan, ke nur mi povas eniri ĝin – ne la kato, kiu ĉasas nin ofte. Ĝi ankaŭ havas ĉambr'eton. Krome, oni metis ene tre bon'odoran fromaĝon. Mi volis eniri ĝin, sed mi kuris al vi por informi vin. Ni ambaŭ iru tien."

"Ho! Ne!" ekkriis la musopatrino, "ĝi ne estas bona domo. Ĝi estas kapt'ilo por vi kaj mi. Mi ĝojas, ke vi venis unue por konsulti[2] min. Vi nun estas sav'ita! Vi estas bona kaj prudenta, ĉar vi konsultas la gepatrojn, kiuj konas la mondon pli bone ol vi."

*S-ino SARANATH,* Hindio



1. muso: malgranda griza mam'besto kiu loĝas en truo / 2. akiri fid'indajn informojn.

# LA UNUA ETAĜO

Rubriko por la plej et-aĝaj esperantistoj

stefan.macgill@galamb.net

Verk'ita de
Stefan MacGill
pf. 193
HU-1368 Budapest
Hungario

INFANOJ ĈIRKAŬ LA MONDO



Saluton! Mi estas Nina! Mi estos via gvid'anto en la jaro 2001 en *"La Unua Etaĝo"*. Tra la jaro ni vizitos kvar sekretajn lokojn. Lokojn, kiuj plaĉas al infanoj. Kiuj lokoj? Divenu vi! Skribu al ni, kiujn lokojn vi pleje ŝatas viziti! Jen nia unua loko.

## *Divenu, kie ni estas!*



Ĉu vi ŝatus esti en tiu loko?
Kion vi vidus? Kion vi aŭdus?
Kion vi flarus[1]?
Kion vi sentus? Ĉu vi timus?
Kion vi farus? Kial?



Nun, turnu la paĝon por scii pli...

## *Ni estas en lud'ejo*




### Dinosaŭre sen-bedaŭre

Johano sidas sur dekliv'
Al li mi donas egan puŝon.
Ĉu timu li pri perd' de l' viv'
Dum glata glit'...
... en 'saŭran buŝon?

Ĉe stomako, kia sav'?
Rampas li – ne plu sekreto –
Al pord' el-ira; el la kav'
Eskapas li per grimporeto.

### Dialogo[2] antaŭ la ligna trajno[3]

por Leti Rant kaj Musko Loza.

**Musko:** Ĉiu en-iru la trajnon!
**Leti:** Mi estos pasaĝero[4] en la unua vagono!
**Musko:** Ne! Vi estos en la dua! Mi estos en la unua.
**Leti:** Kial? Mi volas esti en la unua. Kial mi ne estu en la unua?
**Musko:** Ĉar mi estas pli granda ol vi!
**Leti:** Hmmff.

Ripetu la dialogon ĉe la svingilo, balancilo, glittrogo, grimpoframo kaj ĉe la dinosaŭra eskapo-reto.

**Instruistoj, demandu pri la bildo de la ligna trajno: kiom da vagonoj, kiom da pasaĝeroj. Kiom el ili sidas en la unua, dua, tria vagonoj? Donu al ili nomojn kaj demandu, kiu estas kie, kiu estas kun kiu...**

### Rolludu!

Estu du infanoj kaj du du gepatroj en la familio. Infanoj legu ĉi-sube, gepatroj sekva-paĝe.

**Infanoj! Vi volas ricevi rul'sket'ilojn[5]:**

- Ĉiuj el viaj amikoj havas ilin.
- Oni povas rapide iri, ekzemple, al butikoj[6].
- Per ili vi ne mal-fruos en la lernejo.
- Vi ĝuos freŝan aeron kaj ekzercon.
- Ekzistas sekuraj sketejoj.
- Vi plen'umos taskojn en la domo por ricevi la necesan monon.
- Unu-vicaj radoj ege modas, ili same sekuras kiel la eks-modaj paraj radoj.

Aktoru la rolludon. Ĉu vi sukcesos aŭ ne?

### VORT'KLAR'IGOJ por poemoj

**dinosaŭro**: pra-best'ego
**eskapi**: liber'igi sin, for-kuri
**karuselo**: amuz'ilo kiu rond-iras
**maksimume**: pleje.

### VORTKLARIGOJ aliaj

1. sentus odoron / 2. inter-parolo / 3. vagon'aro / 4. vojaĝ'anto / 5. sketi: gliti aŭ glite rul'iĝi / 6. vend'ej'eto / 7. facile renvers-iĝ'emaj / 8. svingi: rapide movi tien-reen.

**Instruistoj, parolu pri via lerneja ludejo. Gvidu lecionon tie. Instruu la agojn kaj la nomojn de la ludiloj kaj utilajn frazojn: salti, gliti, puŝi, grimpi, pendi, svingiĝi, vico, provu, atentu!...**



### La plej plaĉa

Dum vizito al ludej'
Kio al mi plaĉas plej?
Karuselo aŭ svingilo,
Ligna urso, krokodilo.
Ramp'tunelo, piramido?
Malfacilas la decido...
Al mi maksimume ŝata
...Ĝuste tiu, okup'ata.

### Rolludu!

Jen la gvido por la gepatroj: Viaj infanoj volas aĉeti rulsketilojn. Sed...

- ili estas danĝeraj sur-strate; la infano povos iri tro malproksimen kaj resti for ĝis malfrue.
- ili kostas multe; prefere ili ricevu terglobon aŭ ion edukan.
- seriozaj sketiloj havas la radojn pare, ĉe du aksoj – vi scias – ankaŭ vi sketis kiel jun'ulo!
- Unu-vicaj radoj strange aspektas kaj estas tre mal-stabilaj[7].

Ĉu viaj infanoj ricevu sketilojn?

**Dialogo ĉe la svingiloj**[8]
Por infan'eto Petra Kedasor kaj infan'ego Maksi Mumo.

**Petra:** Maksi, venu! Puŝu min! Pli alten! Mi petas! Mi estas kuraĝa!
**Maksi:** Mi venas. *(Li ek-puŝas)* Ĉu bone? Jen mi puŝas pli forte.
**Petra:** Jes, bonege. Mi iras pli kaj pli alten! Hura! Mi ĝojas!
**Maksi:** Eble jam sufiĉas. Ĉu ankoraŭ pli?
**Petra:** Jes, jes, pli pli! ... hura... hu... ha... hu! Eble ne pli.
**Maksi:** Kio? Mi ne aŭdas vin bone. Ĉu pli aŭ malpli?
**Petra:** Ne! Malpli. Sufiĉas. Ne! Ne! Sufiĉas.
**Maksi:** Ho, ne sufiĉas. Vere vi estas kuraĝa! Tre kuraĝa! Do, pli.
**Petra:** Ne! Ne! Tro alte! Ne plu puŝu min! Ĉesu! Malpli! Ne! Malpli!
**Maksi:** Ne malpli? Do, pli! Mi vere ne aŭdas vin. Vi for-iras tro alte.
**Petra:** Jes, jes, tro alte. Ĉesu! Halt'igu min! Mi volas foriri.
**Maksi:** Por ke mi aŭdu vin, vi devos vin turni al mi.
**Petra:** Se mi turnos min, mi ne plu povos teni la svingilon. Ĉesu nun! Tuj!
**Maksi:** Ĉesu! Nun! Tuj! Bone. Jen! *(Li halt'igas la svingilon tre subite. Petra for-flugas de ĝi)* Nu, vi volis foriri. Jen, vi foriris!
**Petra:** Aŭŭŭŭŭŭŭŭ!!!

Faru similan dialogon ĉe aliaj ludiloj. Aktoru la scenon, kiam Petra rakontas al la gepatroj, kio okazis. Aktoru la scenon, kiam la gepatroj de Petra renkontas la gepatrojn de Maksi.




## Dialog'eto[1] por aktori

*La edzo sidas en komforta fotelo[2] kaj legas ĵurnalon[3]. La edzino sidas apude, leg'anta gazeton kun kviza[4] artikolo pri la geedza vivo.*

*Edzino:* Kara, ĉu mi havas kutimon, kiu ĝenas vin?
*Edzo:* Ĝenas? Ne, mi kredas, ke ne.
*Edzino:* Kaj eble kutimon, kiu nur ĝen'etas vin?
*Edzo:* Ĝenetas? Ne, mi kredas, ke ne.
*Edzino:* Ĉu certe? Ĉu eĉ ne unu?
*Edzo:* Mi kredas, ke ne. Eĉ ne unu.
*Edzino:* Tio estas apenaŭ kred'ebla. Se vi pensus serioze, vi certe el-pensus ion, kio ĝenetas vin.
*Edzo:* Vi pravas. Mi kredas, ke baldaŭ mi sukcesos elpensi ion.

*Stefan MACGILL,* Hungario

1. dialogo: inter-parolo / 2. mola brak'seĝo / 3. ĉiu-tagan gazeton / 4. kvizo: demand'aro por kontroli sciojn pri io.



*Ankaŭ Okulo ŝatas ludi!Sed ĉirkaŭ li okazas laboro. Lia kajero por la projekto "Interkulturo" nun havas 10-paĝan instruistan gvidilon. Vidu ĝin en la biblioteko de la kvazaŭa lernejo, aŭ petu ĝin de la prizorganto de ĉi tiu rubriko. Liverebla elektronike aŭ fotokopie.*

Anja Karkiainen

*De mia panjo, petis*
*dolĉ'aĵon mi, por lek'.*
*Ŝi en sak'eton metis*
*bombonojn[2] grandajn*
***dek*.**



# EGALE REGALE[1]

*Amiko al mi venis,*
*salute diris: "ĉaŭ![3]"*
*Regale unu prenis.*
*Sakete restis* ***naŭ*.**

*Amiko venis dua*
*kur'ante al la lok'.*
*Pro dis-don'ado plua*
*sakete restis* ***ok*.**

*Amiko venis tria,*
*malgranda, preskaŭ beb'[4].*
*Li estu ne envia!*
*Sakete restis* ***sep*.**

*Amiko venis kvara.*
*Ĉu li ricevis? Jes!*
*Mi estis mal-avara.*
*Sakete restis* ***ses*.**

*Amiko venis kvina,*
*pri unu petis min.*
*Mi estis ne obstina[5].*
*Sakete restis* ***kvin*.**

*Amiko venis sesa,*
*al-iĝis al la ar'.*
*Post peto (ne-necesa!)*
*sakete restis* ***kvar*.**

*Amiko venis sepa,*
*dolĉ'ema ankaŭ li,*
*et'ul' kun voĉo pepa[6].*
*Sakete restis* ***tri*.**

*Amiko venis oka.*
*Do, nun divenu, ĉu*
*mal-kreskis kvanto stoka[7].*
*Sakete restis* ***du*.**

*Amiko venis naŭa.*
*Regalis kun plezur'*
*mi, kiel al antaŭa.*
*Nun restas* ***unu*** *nur.*

*Bombonon, kiu restis,*
*mi en-buŝ'igas mem.*
*Sufiĉe tiom estis –*
*jam lasis min dolĉ'em'.*

*Sakete nun mi havas*
*eĉ ne bombonon plu.*
*Neniom tio gravas.*
*Pli gravas kuna ĝu'!*

Kaj nun, se vi havas bonan kant'voĉon, kon'at'iĝu kun la melodio de la supraj strofoj. Komponisto: *Vessa PÖLKKI.*






1. regali: doni al gasto manĝ'aĵon / 2. ĉokoladajn dolĉ'aĵ'etojn / 3. itala amika salut'maniero / 4. suĉ'infano / 5. mal-ced'ema / 6. pepi: el-igi voĉon kiel bird'eto / 7. stoko: amas'ig'itaj vend'ot'aĵoj.

En la decembra numero ni prezentis la ĉi-jaran kongres'landon el la plumo de *Marija Belošević*. Fine de la artikolo estis **kvizo pri Kroatio**.

Jen ties ĝustaj solvoj: **1/c, 2/b, 3/b, 4/c, 5/a, 6/b**.

Estis ege agrable ricevi poŝt'kartojn kun ĝustaj respondoj el Japanio, ekzemple, kun kroata sur-skribo "Zdravo", aŭ el Francio "Do viđenja".

Prospektojn gajnis:

*Jacqueline Povx*, Francio; *Osaki Hiroshi*, Japanio; *Georgo Csüllög*, Hungario; *Georgo Flender*, Hungario; *Présence Bouvier*, Francio; *Aivaras Liepinis*, Litovio; *Evandro de Freitas*, Brazilo.

Ni gratulas al ili ĉiuj!!!

# IMPRESOJ[1]

**E**stas longa distanco inter Islando kaj Ĉinio. Tamen, se oni ek-iras je la 8-a matene de la internacia flughaveno proksima al *Reykjavik*, oni povas stari sur ĉina tero, nur 15 horojn poste, en la nova, grandioza[2] flughavena dom'ego en *Pekino*. Kaj jen ni du staras, mia edz'ino kaj mi, dum nia filo, lia ĉina edzino kaj du fil'in'etoj, bon'ven'igas nin per kisoj kaj floroj.

**R**eal'iĝis long'daŭra revo[3]. Dum multaj jaroj Ĉinio supris en niaj pensoj, ek de kiam nia filo, Ragnar, tiam 19-jara, iris al Pekino por stud'ado. Tio estis antaŭ 25 jaroj, kaj ja multo okazis post tiam, sed post la fondo de la Ambasado[4] de Islando en Pekino antaŭ 5 jaroj, li tie serv'adis kiel ambasada konsil'isto. Ministeriaj reguloj pri transigo de ofic'istoj tamen nun postulas, ke li iru al Reykjavik por du-jara laboro tie, antaŭ ol esti send'ita al iu alia lando. Tial nia filo insistis, ke ni, liaj gepatroj, nepre devas uzi la lastan ŝancon iri al Ĉinio, dum li ankoraŭ loĝas tie.



Kaj jen ni staras sur ĉina grundo. La dato estas la 28-a de aŭgusto en la jaro 2000, la aero

estas varma, la ĉielo mal-klara, tamen strange lum'oza. Homoj kaj aŭtoj svarmas[5] ekster la flughavena stacio, ia mistera[6] potenco estas jam sent'ebla, potenco de




vast'eco spaca kaj tempa. Ni veturas al la hejmo de nia filo laŭ longaj stratoj, bord'itaj de altaj arboj. La trafiko estas densa, aŭtoj kaj bicikloj, tamen ni trovas nin iom ekster la urbo, kvankam estas mal-facile orient'iĝi pri urbaj limoj.

En la postaj tagoj, ni havis sufiĉajn okazojn observi la homvivon sur la stratoj de Pekino. Iel mi havis la romantikan ideon, ke en Pekino la homoj aŭ sidas ekstere sur la trotuaro[7], trankvile lud'ante ĉinan ŝakon, aŭ biciklas cent'ope aŭ mil-ope sur stratoj, eĥantaj[8] de sen-harmoniaj[9] korno-sonojde zigzag'antaj[10] aŭtoj. La moderna Pekino, evolu'anta rapid'ege dum la lasta jadeko, ne impresas tiel romantike. La bicikl'antoj ja ankoraŭ svarmas, sed pli rimark'eblas la nombro de aŭtoj, kiuj plen'igas la stratojn. Oni ankaŭ konstante ŝanĝas la fizionomion[11] de la urbo, mal-konstruas kaj rekonstruas. Kiam oni veturas tra la larĝaj ĉef'stratoj, oni povas nur pri-miri kaj admiri la grandiozajn domegojn el ŝtalo kaj vitro, konstru'itajn dum la lastaj jaroj.

La vend'ejoj, troviĝantaj en multaj el tiuj domoj, estas plenaj de ĉiu-specaj

varoj[12], ne multe-kostaj laŭ okcidentaj kriterioj[13].

Sed malnova Pekino tamen ne mal-aperis. Flanke de kaj ekstere de la ĉefstratoj oni trovas mallarĝajn strat'etojn, kie ludas infanoj en la ombro de mal-altaj ĉin'stilaj domoj. Kaj la klasikaj gemoj[14] de Pekino estas ja zorge konserv'ataj: la Mal-permes'ita Urbo, la Somer-Palaco[15], la diversaj temploj[16]. Priskribi vizitojn al ĉi tiuj postulus pli da spaco ol mi havas nun. Sed la viziton al la Granda Muro mi ne povas neglekti[17]!

La Granda Muro estas la plej granda objekto iam ajn konstruita de la homo, giganta[18] monumento[19] de homa vol'forto. Ĝi estas pli ol 2000 jarojn aĝa, kaj estas eble ĉirkaŭ 2500 kilometrojn longa kun sen-finaj branĉoj kaj kun pli ol 40.000 turoj. La Muro serpent'umas laŭ-longe de la norda limo de Ĉinio, ĝi rampas sen-fine trans montarojn kaj tra dezertoj, iel simila al la longa historio de Ĉinio tra la jar'centoj. Ĝi estis plan'ita kiel giganta defend'ilo kontraŭ la nomadaj[20] popoloj en la nordo, sed tamen ĝi pruv'iĝis senutila. La Tataroj ĝin supergrimpis[21] en la 3-a kaj 4-a jarcentoj, kaj ĝi estis nenia obstaklo[22] jarcentojn poste al la invadoj[23] de la Mongoloj kaj la Tungusoj. Sed la Muro simple ekzistas kaj la turistoj[24] ĝin vizitas cent-mil'ope en ĉiu jaro.

Ni vizitis la Muron en la antaŭ-lasta tago de nia rest'ado en Pekino. La aŭto haltis en parkejo, mal-supre de montoj kaj de tie ni pied'iris laŭ dekliva strateto kun turismaj vendejoj ambaŭflanke, ĝis ni atingis nivelon[25], de kie funkcias seĝ'liftoj[26] en konstanta rond'ir'ado supren-suben. La lev'ado supren sur la Muron daŭris ĉirkaŭ ok minutojn, sur-voje ni trans-ŝvebis[27] profundan valon de sovaĝa arbaro. Ni restis sur la Muro kun la familio de nia filo dum du horoj kaj ĝuis ĉion profunde, kaj ne nur la senton troviĝi sur tiu miraklo[28] de la mondo, sed ankaŭ la ĉirkaŭaĵon, belegajn montojn kovr'itajn de arboj kaj kresk'aĵoj ĝis sur la pintoj mem. Turistoj estis malmultaj en tiu ordinara tago, sed kelkaj vendistoj havis siajn apartajn vendolokojn sur la Muro. Unu estis vest'ita kiel antikva-tempa[29] soldato kun lanco[30] kaj glavo, li faris iom tim'igan batal'krion, kiam ni al-proksim'iĝis, sed li pruv'iĝis tre afabla kaj interesa

ulo, kiu loĝas en proksima vilaĝo kaj venas de tie ĉiumatene por labori sur la Muro. Ĉe li ni lasis nin vesti per imperi'estraj ornam'vest'aĵoj por esti fot'itaj, kompreneble, kontraŭ pago.

Nia restado en Ĉinio, ja nur en Pekino, estis tro mallonga. Ĉinio estas fakte tuta kontinento[31] kaj oni bezonas monatojn kaj jarojn por ĝin iom ekkoni. Sed ni estas dank'emaj pro tiuj rapidaj spertoj, kiujn ni havis tie, kiuj ja lasis ĉe ni ne-forges'eblajn impresojn.

*Baldur RAGNARSSON,*
Islando

---

1. efikoj de io sur iun / 2.fort'impresa pro grandaj mezuroj / 3. arda deziro por io mal-facile ating'ebla / 4. konstanta reprezent'ant'aro de iu fremda lando / 5. mov'iĝas en grand'ega kvanto / 6. sekrete mal-klara / 7. strato-parto por pied'ir'antoj / 8. eĥo: re-ven'sono / 9. mal-agrablaj por orelo / 10. zigzagi: iri mal-rekte / 11. eksteran aspekton de vizaĝo, de centra loko / 12. komerc'aĵoj / 13. distinga juĝa afero / 14. multe-kostaj ŝtonoj kiel ornamaĵoj / 15. bel'ega dom'ego / 16. preĝ'ejoj / 17. ne atenti, ne zorgi / 18. grand'ega / 19. verko de konstru'arto / 20. ne-havanta fiksan loĝ'lokon / 21. mane-piede supren-igis sin / 22. bar'ilo / 23. per-forta en-iro, okup'ado / 24. homoj vojaĝ'antaj por plezuro / 25. gradon de alt'eco / 26. lifto: lev'ilo por homoj / 27. flug'pendis / 28. mir'ind'aĵo / 29. antikva: mal-nov'ega / 30. arm'ilo: longa rekta bastono kun pika fin'aĵo / 31. mondo-parto.

# Ludu

*Edvardo de Freitas,* Brazilo

1. Per 10 mon'eroj faru 5 kvar-moneraj̈n vicojn.

2. La suba tri-angulo estas far'ita per 10 moneroj. Renversu ĝian pozicion[1] per movo de tri moneroj.

①
② ③
④ ⑤ ⑥
⑦ ⑧ ⑨ ⑩

3. En familio, ĉiu fil'ino havas kaj fratojn kaj fratinojn, kaj ĉiu filo havas duoble pli da fratinoj ol da fratoj. Kiom da ge-filoj trov'iĝas en la familio?

4. Dividu la suban kampon en kvar egalajn bien'etojn, sci'ante ke la ne-uzebla parto (ABCD) estas kvar-ono de la tuto.




5. Knabino staras en sia ĝardeno kaj observas[2] la movojn de la birdoj. Ŝi rimarkas, ke kiam sur ĉiu branĉo sidas unu birdo, unu birdo restas fluganta, kaj kiam ili sid'iĝas duope, restas unu branĉo sen birdo. Kiom da birdoj kaj branĉoj troviĝas en la ĝardeno?

*Sendu la solvojn al la redakcio!*

# KONSTANTA KONKURSO POR VI en Juna Amiko

**Ni dankas kaj gratulas al ĉiuj gajn'intoj (vidu ilin sube!) kaj partopren'intoj.**
**Nun, per la kvizo sur la apuda paĝo, komenc'iĝas nova konkurso-jaro.**

## LA REGUL'ARO DE NIA KVIZO-KONKURSO

- Oni povas partopreni en ĝi individue aŭ grupe (sub nomo de iu grup'ano aŭ klas'ano kun post-signoj *gr* respektive *IK* [Interkultura Klaso]).
- Ekzistas tri aĝo-kategorioj: ***1-a*** – ĝis 12- / ***2-a*** – 13-17- / ***3-a*** – pli ol 17-jaraj.
- Per ĉiu kvizo oni povas akiri maksimume 30 poentojn (dum unu jaro 120).
- La koncizaj solvoj estas send'eblaj rete aŭ papere al la aktuala ĵuri'ano.
- La ĝustaj solvoj de la kvizo kaj la listo de la konkurs'antoj ĉiam aperas en la sekva numero de la revuo (nur la pinto) kaj la kompleta en nia hejm'paĝ'aro: *www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto*
- La unuaj en ĉiu kategorio gajnas jar'abonon al *Juna Amiko* por 2002.
- Pro evidenta ne-mem-stara solvo la ĵurio de-prenas la du-oblon de la akir'eblaj poentoj de la task'eto.

### FINA REZULTO DE LA KVIZO-KONKURSO EN 2000

**1-a kategorio**

1. *Fruzsina KISKARTALI (HU):* 116,0 p.
2. *Elina TAURINAINEN (FI):* 29,0 p.

**2-a kategorio**

1. *Marija MITEVSKA (HR):* 110,0 p.
2. *Samanta ČAJIC (HR):* 95,5 p.
3. *Marina MILKOVIC (HR):* 84,0 p.

**3-a kategorio**

1. *Mária MOLNÁR (HU):* 118,0 p.
2. *Magdolna JUHÁSZ (HU):* 115,0 p.
3. *Georgo FLENDER gr (HU):* 109,5 p.

***Ni kore gratulas!!!***
***La unuaj gajnis jar'abonon por 2001.***
*Daŭr'igo en nia hejm'paĝ'aro:*
***www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto***

### *La plej lertaj solv'intoj de la decembra numero (Redaktis kaj korektis: Raita Pyhälä, Finnlando)*

**1-a kategorio:**

*Elina Taurinainen (gr), FI:* 29 p.
*Fruzsina Kiskartali (gr), HU:* 28 p.

**2-a kategorio:**

*Marija Mitevska, HR:* 30 p.
*Samanta Čajić, HR:* 30 p.
*Kristina Orlović, HR:* 30 p.
*Marina Milković, HR:* 30 p.

**3-a kategorio:**

*Mária Molnár, HU:* 29 p.
*Magdolna Juhász, HU:* 29 p.
*Lenče Efremova, MK:* 29 p.
*Petro Tihanyi, HU:* 29 p.
*Erkko Mäki, FI:* 29 p.
*Pavol Petrik, SK:* 29 p.
*Présence Bouvier, FR:* 29 p.

***En IK gajnis:***
*Domjanić kaj Medvegrad, HR*

n-ro 1 | 12-a konkurso-jaro | Lim'dato: 1.V.2001

1. Faru kvar kun-met'itajn vortojn el jenaj vortoj: (2 poentoj)
   *domo, haveno, pord(eg)o, urbo, benko, libro, parko, infano*
2. Skribu du frazojn, en kiuj vi uzas *nek ... nek.* (2 poentoj)
3. Korektu la frazon: (3 poentoj)
   *Po promeno sur parko mi volas ripozas sur tio banko.*
4. Ŝerca demando: Kiu pano estas trink'ebla? (3 poentoj)
5. Proponu al via amik(in)o legi nian revuon. Diru kial ĝin legi. (3 poentoj)
6. Mallongigu per *-ig* aŭ *-iĝ*: meti sur muron, en poŝon; fali en dormon (3 poentoj)
7. Kompleťigu la proverbojn: *Nur tiu ne eraras, kiu neniam ion ... ;* (3 poentoj)
   *Sen laboro ne venas ... ; Kun kiu vi festas, tia vi ...*
8. Persona pronomo + persona pronomo = verbo (2 poentoj)
9. Nomu ses aĵojn/ilojn, kiujn oni bezonas por kuiri aŭ manĝi. (3 poentoj)
10. Ĉu marabuo estas afrika birdo, ĉemara arbo aŭ japana muzik'ilo? (2 poentoj)
11. Mia onklo Longbarbul rakontis: Kiam mi estis mar'isto ekzistis ankoraŭ piratoj. Ili havis sur la ŝipo papagojn, kiujn ili sendis al fremdaj ŝipoj por spion'akiri informojn. Reven'inte la papagoj raportis. Ĉu vero aŭ ne? (2 poentoj)
12. Nomu tri eŭropajn ĉefurbojn, en kiuj ne okazis UK de Esperanto. (2 poentoj)

La solvojn sendu al: *Dieter Berndt, Berolinastr. 2, D-10178 Berlin, Germanio*
Ret'adreso: *re.di.berndt@faxvia.net*

## Solvoj de la lasta numero (n-ro 4) de 2000

1. *-o*: substantivo (rapido), *-a*: adjektivo (rapida), *-i*: verbo (rapidi)*
2. *miliono, mil, nul(o)*
3. bv: *bon'volu*, IL: *Internacia Lingvo*, PS: *Post-skribo*
4. Ĉiu vorto estas leg'ata, kiel ĝi estas skrib'ita.
5. Mi volonte legus la revuojn: *Juna Amiko, Kontakto, Komencanto...*
6. Kion vi povus rakonti pri via familio? Kiujn lern'objektojn vi ŝatas?*
7. makulo, spegulo, okulo (escepte de la lernolibro de Stefan MacGill "Okulo")
8. Kiu demandas, tiu ne eraras. *Kiu tro rapide saltas, tiu baldaŭ haltas.* Kiu bone sidas, tiu lokon ne ŝanĝu.
9. Kvin-pinta verda stelo. En kuŝ'anta ovalo du literoj E kontraŭ-turn'itaj.
10. Togolando – Lomo, Niĝerio – Abuĝo, Aŭstralio – Kanbero

* *montras, ke ekzistas pluraj ĝustaj solvoj.*

### Ŝpar'emo antaŭ ĉio

Skoto[1] estas ekskurs'onta kun la filo.

La edz'ino diras al la edzo el-ir'onta:

– Ne forgesu, mia kara, de-preni la okul'vitrojn de la infano, kiam nenio estas vid'inda.

### *Bon'ega ideo*

**Du knaboj inter-parolas.**

**– Ĉu estis bona ideo aĉeti tiel multe-kostajn telerojn por la naskiĝ'tago de via panjo? Vi el-spezis vian tutan ŝpar'monon.**

**– Jes, vere, valoris elspezi. Antaŭe panjo ĉiam pelis min en la kuir'ejon por lavi la malpurajn vazojn, kaj de tiam ŝi eĉ ne permesas al mi proksim'iĝi al la lav'ujo.**

## humuro

*de Elizabeta R. kaj Zoran Čirić*

Knabo montras fotojn al sia amiko, sam'klas'ano.

– Kiu estas tiu? – demandas la amiko, ten'ante foton en la mano.

– Mi mem, Tiam mi aĝis unu jaron.

– Ĉu vere? Ĉu tiu-tempe vi estis tiel kalva[2]?

– Tute ne. Vi tenas la foton ren-vers'ita.

### *Instruistino*



Iu frapas al la en-ir'pordo de la ĉiel-lan-do. Sankta Pet-ro krias de interne:

– Kio estas tio?

– Ne "Kio estas tio", sed "Kiu estas tiu" – diras virina voĉo.

– Ho ne, denove instruistino!

Instruisto (rigard'ante la hejm'task-on de Todor): Mi miras, kiel unu persono povas fari tiom da eraroj.

Todor: Ne temas pri unu persono. Mia frato helpis min.

1. popol'nomo / 2. ne-hav'anta kap'harojn.

# INTERKULTURO

*Hejm'paĝo:* **http://lps.uniroma3.it/kler**

• La 34a Internacia Infana Kongres'eto (IIK), kiu okazos en *Grad Mladih* (urbo de ge-junuloj) sam'tempe kun UK (21-28 julio) kaj tre proksime al ĝi (ating'ebla per Zagrebaj urbaj trafik'iloj), jam al-tiris 31 infanojn (ĝis 20 januaro) el naŭ landoj. Kotizoj: 149 EUR ĝis 31 marto, 169 EUR ĝis 15 majo.

• Vizitu la PROVERB'EJON de *Kvazaŭa Lernejo "Tibor Sekelj"*.

***Abon'tarifoj de Juna Amiko por la jaro 2001***

| | EUR / USD | DEM | 2-4 ekz. | Ekde 5 | Aere |
|---|---|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 10,80 | 21 | -33.3 % | -50 % | +20 % |
| Tarifo 2 | 6 | 12 | -33.3 % | -50 % | +20 % |
| Tarifo 3 | 4 | 8 | -20 % | -30 % | +20 % |
| Hungario | 600 HUF | | po 420 HUF | | — |


## juna amiko

Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj

28-a jaro, n-ro 1 (96), 2001

Aperas 4 fojojn jare

Redaktoro: *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario)

Retadreso: suli267@szeged.sulinet.hu

Vicredaktoro: *StefanMacGill* (retadreso: stefan.macgill@galamb.net)

Abona adreso: Juna Amiko, Pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario

Eldonanto: ILEI, Stenbockensgata 102, SE-136 62 Haninge, Svedio

Lingva revizianto: *André Albault* (Francio)

Kunlaborantoj: *s-ino Raita Pyhälä* (Finnlando), *Baldur Ragnarsson* (Islando), *Tatjana Auderskaja* (Ukrainio), *s-ino Jennifer Bishop* (Aŭstralio), *Zoran Čirić* (Jugoslavio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Gennadij Basov* (Rusio), *Bardhyl Selimi Mezini* (Albanio), *Till Dahlenburg* (Germanio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Pekim Tenorio Vaz* (Brazilo), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta R.* (Hungario), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *Mensah B. Attiogbe-Agbemadon* (Togolando), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Anja Karkiainen* (Finnlando)

Grafikistoj: *Irina Nagy* (Rumanio), *Monika Molnár* (Hungario), *Pavel Rak* (Ĉeĥio)

Komputila kolora tekniko: *János Bakk* (Hungario)

Farita en Presejo Saluton

Chinoin u. 20, H-1045 BUDAPEST, Hungario

ISSN 0230 1318

# Surprizaj saĝ'aĵoj

- Mondo estas ĉio, kion oni vidas ĉirkaŭ si kaj en la kinejo.
- Frosto ĉe la norda kaj suda polusoj[1] estas tiel granda, ke la urboj tie ne estas loĝ'eblaj.
- La maro estas tre utila, ĉar sen ĝi oni ne povus atingi la insulojn.
- Maro havas nur unu bordon, rivero – du.
- Duon'insulo estas malgranda insulo, kiu ankoraŭ kreskas.
- Pri duoninsulo mi ankoraŭ scias, ke ĝi ne estas tuta, ĉar ĝia duono estas surverŝ'ita de akvo.
- Kiam mi estis en nia ĉef'urbo, ni iris al la best'ĝardeno kaj vizitis tie parencojn.
- Natur'protekt'ejo estas loko, kie trov'iĝas pli da for-ĵetaĵoj ol ali'loke.
- Ĉar vojaĝ'ado kler'igas, mi tre volonte vizitus alian landon, se iu tion pagus por mi.
- Kiam, dum ferioj, ni estis en Italio, panjo diris, ke ĉe ni hejme pluvas malpli multe-koste.
- Danubo estas mal-pura, ĉar ĝi fontas en la Nigra Arbaro kaj fluas al la Nigra Maro.
- La ĉef'urbo de Hispanio estas Real Madrid.
- Vezuvio[2] ne estas tiel granda kiel Monto Blanka, ĉar ĝi multe fumas.
- La insuloj de Mediteraneo estas pli aŭ malpli grandaj ol Sicilio[3].
- Rusio estas tiel granda lando, ke tuta ĝi ne havas lokon en Eŭropo kaj tial la plej granda parto troviĝas en Azio.



Elektis kaj tradukis:
*Dieter BERNDT, Germanio*

*Ĉu vi povus riĉ'igi nian kolekton per similaj saĝaĵoj? Sendu ilin al nia redakcio!*

---

**1. la plej norda kaj suda punktoj de la ter'globo / 2. vulkano (fajro-monto) en Italio / 3. insulo en Mediteraneo.**